AUSTRIA

# ESPERANTO-REVUO

*Oficiala Organo de la austria Esperando-movado*
*Offizielles Organ der österreichischen Esperanto-Bewegung*
*Aperas monate*
*Redakcio kaj administrejo: Vieno I., Neutorgasse 9, Austrio. — Telefono U 20-3-51*

*NRO 1*
*1-a JARO*
*AUGUSTO 1946*

## EL LA ENHAVO:



## LASTA INFORMO:

ESPERANTO EN LA PROGRAMO DE RADIO-VIENO REAKCEPTITA!
Dissendoj ekde la 20. 7. 1946 regule sabate inter la 6.30 — 6.45 je austria somera tempo (5.30—5.45 MET). Vidu noton sur p. 2



# Austria Esperanto-Revuo

Abonprezoj:

Jarabono aŭstr. ŝil. 5.—, 1 ekz. aŭstr. ŝil. —.50
por eksterlandoj jarabono svis. fr. 5.—, 1 ekz. svis. fr. —.50
por la membroj de Aŭstria Esperantista Federacio
senpage Ĉiuj prezoj inkluzive sendkostoj.

Represo nur kun fontocito.





AUSTRIA
ESPERANTO-REVUO

# Nia Revuo

Jam antaŭ jaro ni promesis al la AEF-anaro anstataŭigi la ĝisnunan „Informilon" per eldonado de organo inda al la aŭstria E-movado kaj ties celoj. Jen ĝi nun estas. Modesta provizore laŭamplekse, la nova Revuo tamen fariĝu iom post iom gazeto kun varia enhavo, kiu servos al la diversaj interesoj de la esp-istaro kaj plenumos la multflankajn taskojn de Esperantogazeto. Ĝi ne nur estu organo de nia E-Federacio, per kiu la anaro estu gvidata laŭsence de la Interna Ideo de Esperanto, la Revuo estu la ligilo inter la grupoj kaj la centro kaj en ĝi reflektiĝu la prospero kaj la sukcesoj de nia komuna agado. La Revuo fariĝu informilo por la funkciuloj pri organizaj aferoj, helpilo lingva por lernantoj kaj krome proponu interesajn legaĵojn por komuna legado en kursoj kaj dum grupvesperoj. Tiamaniere la enhavo de nia nova gazeto ŝtopu provizore parte la breĉon kaŭzitan per la postmilita grava manko de taŭga E-literaturo. Sugestojn, dezirojn, eĉ kritikojn rilate la enhavon flanke de la legantaro ni volonte akceptos kaj konsideros ilin laŭeble. Sed kun la kreskado de la aŭstria E-movado certe ankaŭ pligrandiĝos la amplekso de la Revuo. Kompare kun alilandaj E-gazetoj, nia Revuo jam nun povas enviciĝi en la internacian E-gazetaron kiel samspeca E-ĵurnalo, ĉar eĉ internaciaj E-organizoj (IEL, UEA, SAT) nuntempe ne povas eldoni pli ampleksajn gazetojn ol estas la nova organo de AEF.

Pere de nia Revuo ni volas observi kaj traktadi la E-movadon ne nur en Aŭstrio, sed ankaŭ raporti pri la sukcesoj de la E-movado tutmonda, ĉar ĉiuj progresoj rilate al disvastigo de Esperanto en aliaj landoj respeguliĝos ankaŭ en nia patrio.

Nia organo speciale volas servi al la fine akirita unueco inter la esp-istaro en Aŭstrio. Estis grava paŝo en la historio de nia tutlanda E-movado, kiam postmilite Aŭstria Esperanto-Asocio kaj Aŭstria Esperantista Federacio libervole decidis sian kunfandiĝon en unueca landa organizo. El ĉi tiu unueca komuna agado jam nun ekfloras ĉie bonaj sukcesoj kaj kun la normaliĝo de la nunaj eksterordinaraj cirkonstancoj ĉi tiuj sukcesoj certe pligrandiĝos. Tial nia Revuo daŭre pledos por la konservado kaj plifortigado de nia unueca movado kaj harmonia kunlaboro. Ni klopodu en Aŭstrio esti imitinda modelo de kunlaboro por aliaj E-organizoj trans niaj landlimoj.

Laŭ la ĝis nun sporade ricevitaj eksterlandaj E-gazetoj oni povas konjekti, ke Esperanto nuntempe havas multpromesajn ŝancojn ĉie kaj dependos nur de la organizita esp-istaro eluzi tiujn ŝancojn tuj kaj laŭplane. Sed por tio bedaŭrinde nun provizore mankas vera internacia instanco agnoskita de la esp-istaro ĉiulande, mankas la internacia unueco en la gvidado. Ĝi nepre devas esti atingita.

Por ĉi tiu grava celo ĉiam pledos kaj batalos ankaŭ nia Revuo; ĝi volas esti kune kun aliaj samopiniaj E-gazetoj vokanto por la fina unuecigo de la internacia E-movado. Estas ja deprime ekkoni, ke laŭŝajne en Esperantujo oni nenion lernis el la instruoj de la pasinta mondmilito. Kvankam la cirkonstancoj ĉie kaj sur ĉiuj kampoj devigas la homojn al internacia kunlaboro, la esp-istoj ankoraŭ devas havi tri internaciajn E-organizojn. Tiu ĉi stato baldaŭ devas ĉesi kaj fari lokon al nur unu internacia E-organizo, en kiu kunfluu ĉiuj fortoj el la tutmonda movado. En la respektivaj partioj la esp-istoj pasie batalu por siaj politikaj mondperceptoj kaj — por Esperanto, sed en la E-organizoj ni komune laboru nur por la fina oficiala agnosko de Esperanto ĉiulande.

La „Aŭstria Esperanto-Revuo" do konstante vokos kaj varbos ankaŭ trans la ŝtataj limoj por kunigo de ĉiuj energioj al impona kaj vere enfluhava internacia E-movado.

Tiamaniere ni volas servi ne nur al la E-movado aŭstria, sed ankaŭ kontribui al la fortigo de la E-movado tutmonda per la ekkono: La venko de Esperanto nur povas esti la produkto de la unuiĝinta esp-istaro mem.

A. Berdan.

## Esperanto denove en Radio Vieno!

Sendube la esperantistaj aŭskultintoj de la radio-dissendoj sabate la 20-an de julio estis gojege surprizitaj kiam subite, post okjara silento, ili reaŭdis nian Zamenhofan lingvon disradiata tra la vasta spaco de l'etero. Jen unu nova paŝo antaŭen en la prosperigo de nia aŭstria Esperanto-movado, por kiu ni devas danki al la fervoraj estraranoj de AEF, al la s-anoj Glüxmann kaj d-ro Grimme, kies klopodoj rezultigis tiun gravan sukceson. Ili tuj kompilis materialon kaj tiel estiĝis la unua programo — intervjuo de ĵurnalisto kun esperantisto pri Esperanto kaj informoj diversaj, rilatantaj al nia hejmlando kaj al Esperanto-movado.

Laŭ tio, kion ni aŭdis, estas projektite, ke 10 minutoj de la disponebla sendtempo estas uzotaj por E.-kurso por komencantoj kaj 5 minutoj por variaj informoj pri Aŭstrio kaj nia E.-movado.

Ni ĉiuj ĝoju pri tiu nova atingaĵo kaj ne forgesu sendi aproban poŝtkarton al Radio Vieno. Ni alvokas ankaŭ niajn eksterlandajn samideanojn, por ke ili subtenu nin en tiu maniero!

# LITERATURO

## La Interna Ideo de Esperanto

Ekstrakto el la parolado de D-ro L. L. Zamenhof en la Dua Kongreso, Genève, 28. 8. 1906

„Se ni, batalantoj por Esperanto, propravole donis al la vasta mondo plenan rajton rigardi Esperanton nur de ĝia flanko praktika kaj uzadi ĝin nur por nia utilo, tio ĉi kompreneble al neniu donas la rajton postuli, ke ni ĉiuj vidu en Esperanto nur aferon praktikan. Bedaŭrinde en la lasta tempo inter la Esperantistoj aperis tiaj voĉoj, kiuj diras: „Esperanto estas nur lingvo; evitu ligi eĉ tute private la Esperantismon kun ia ideo, ĉar alie oni pensos, ke ni ĉiuj havas tiun ideon, kaj ni malplaĉos al diversaj personoj, kiuj ne amas tiun ideon! Ho kiaj vortoj! El la timo, ke ni eble ne plaĉos al tiuj personoj, kiuj mem volas uzi Esperanton nur por aferoj praktikaj por ili, ni devas ĉiuj elŝiri el nia koro tiun parton de la Esperantismo, kiu estas la plej grava, la plej sankta, tiun ideon, kiu estis la ĉefa celo de la afero de Esperanto, kiu estis la stelo, kiu ĉiam gvidadis ĉiujn batalantojn por Esperanto! Ho, ne, ne, neniam! Kun energia protesto ni forĵetas tiun ĉi postulon. Se nin, la unuajn batalantojn por Esperanto oni devigos, ke ni evitu en nia agado ĉion idean, ni indigne disŝiros kaj bruligos ĉion, kion ni skribis por Esperanto, ni neniigos kun doloro la laborojn kaj oferojn de nia tuta vivo, ni forĵetos malproksimen la verdan stelon, kiu sidas sur nia brusto, kaj ni ekkrios kun abomeno: „Kun tia Esperanto, kiu devas servi ekskluzive nur al celoj de komerco kaj praktika utileco, ni volas havi nenion komunan!“ Venos iam la tempo, kiam Esperanto, fariĝinte posedaĵo de la tuta homaro, perdos sian karakteron idean; tiam ĝi fariĝos jam nur lingvo, oni jam ne batalos por ĝi, oni nur tirados el ĝi profiton. Sed nun, kiam preskaŭ ĉiuj Esperantistoj estas ankoraŭ ne profitantoj, sed nur batalantoj, ni ĉiuj scias tre bone, ke al laborado por Esperanto instigas nin ne la penso pri praktika utileco, sed nur la penso pri la sankta, granda kaj grava ideo, kiun lingvo internacia en si enhavas. Tiu ĉi ideo — vi ĉiuj sentas ĝin tre bone — estas frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj. Tiu ĉi ideo akompanadis Esperantismon de la unua momento de ĝia naskiĝo ĝis la nuna tempo. Ĝi instigis la aŭtoron de Esperanto, kiam li estis ankoraŭ malgranda infano; kiam antaŭ dudek ok jaroj rondeto da junaj diversgentaj gimnazianoj festis la unuan signon de vivo de la estonta Esperanto; ili kantis kanton, en kiu post ĉiu strofo estis ripetataj la vortoj: „malamikeco de la nacioj, falu, falu, jam estas tempo.“

Se ofte personoj alforĝitaj al la lito de morto skribadis al mi, ke Esperanto estas la sola konsolo de ilia finiĝanta vivo, ĉu ili pensis tiam pri ia praktika utileco? Ho, ne, ne, ne! Ĉiuj memoris nur pri la interna ideo entenata en la Esperantismo; ĉiuj ŝatis Esperanton ne tial, ke ĝi alproksimigas reciproke la korpojn de la homoj, eĉ ne tial, ke ĝi alproksimigas la cerbojn de la homoj, sed nur tial, ke ĝi alproksimigas iliajn korojn.

## Intervjuo kun austra ministro-esperantisto

D-ro Hans Frenzel, ministro por nutraĵaferoj de la aŭstria registaro, donis al nia samideano Stephan Zodel intervjuon, kiun ni sube publikigas.

*Demando:*

Depost kiam, sinjoro ministro, vi estas esperantisto?

*Respondo:*

Mi eklernis Esperanton en la jaro 1919; cetere ankaŭ mia patro estis jam ano de la movado. Dank' al la lernado de Esperanto mi povis travivi multajn belajn horojn, konversaciante kun eksterlandaj esperantistoj. Mi havas ankoraŭ la kongreson en Nurnbergo (1923) en plej bona memoro, dum kiu mi povis konversacii kun personoj el preskaŭ ĉiuj reprezentitaj landoj, kiuj pli-malpli apartenis al mia profesia fako. Per tio mi ricevis vere vastan rigardon rilate al mia profesia fako. Ankaŭ pri la kongreso 1924 en Vieno mi ankoraŭ ĝoje memoras; dum ĝi mi unuafoje faris referaton en la kadro de la polica kongreso; mi tiam parolis pri la organizo kaj celo de la pornutraĵa polico.

Dum la lasta mondmilito mi havis okazon ne nur en Francujo, sed ankaŭ en Polujo interrilati kun la tieaj esperantistoj. En Varsovio mi tiamaniere estis ekpreninta interligon kun la pola kontraŭfaŝista movado — por mi, kiel tiama oficiro, certe iom danĝera afero. En Smolensko mi kunvenis kun la franca divizio kaj trovis ankaŭ en ĝi esperantistojn.

*Demando:*

Kial vi fariĝis esperantisto?

*Respondo:*

Al la ideo pri mondhelplingvo mi venis el la samaj motivoj, kiujn siatempe havis d-ro Zamenhof. La miskomprenoj inter la popoloj ekestiĝas pro la manko de eblo pri interkompreniĝo. Oni nun ĉiutage povas travivi la saman, ke pro la manko de lingva interkompreniĝilo ekestiĝas malagrablaj miskomprenoj. Mi estas konvikita, ke multaj konfliktoj, kiuj okazas kaŭze de fremdlingvaj personoj, ne estus, se la

homoj povus paroli unu kun la alia. Krom tiu ĉi imaga kaŭzo mi havas ankoraŭ absolute praktikan kaŭzon: Helpe de Esperanto mi povas informi min pri fakaj demandoj en ĉiuj landoj; tion mi ankaŭ faris kaj per tio mi akiris scion pri instalaĵoj sur la kampo de mia profesia fako en ĉiuj landoj.

*Demando:*

Kiel vi pensas pri la ŝancoj de Esperanto?

*Respondo:*

Bona kaj laŭcela afero certe realiĝas. Precipe mi opinias, ke internaciaj komercrilatoj laŭcele lasas prepari sin per Esperanto. Grave estus kompreneble, ke oni Esperanton enkonduku devige en la lernejojn; la cirkonstancoj situas, kiel en multaj aliaj aferoj, tiel, ke iu devus komenci. Mi pensas, ke la malgrandaj nacioj devas komenci, ĉar la grandaj sian lingvon konsideras kiel mondlingvon. Laŭ mia opinio Esperanto devas konservadi sian karakteron kiel mondhelplingvo, tio signifas: ĝi devas servi ekonomiajn celojn; la perado de literaturaĵoj alinaciaj devos esti limigata al tio, disvastigi la enhavon kaj sencon de tiaj trezoroj, ĉar la esprimo de nacia literaturaĵo ne lasas traduki sin en alian lingvon.

**Fine mi volas direkti al la aŭstria esperantistaro jenan peton: Uzu Esperanton, por varbi en eksterlando por Aŭstrio! Vi havas la eblecon, per tiu ideala interkompreniĝilo ne nur priskribi la veran mizeron en nia lando, kiu trafis nin, sed ankaŭ havas la eblecon, porti malproksimen la aŭstran ecaron, kiu estas farinta nin simpatiaj kaj ŝatataj inter ĉiuj aliaj popoloj.**

*Rimarkigo de la raportanto:*

Sinjoro ministro, samideano d-ro Frenzel permesu, ke mi aldonu jenon:

Ĉiu esperantisto certe ĝojos pri viaj eldiroj. Sed ŝajnas al mi, ke via opinio en la lasta respondo ne trovos la ĝeneralan aprobon. Pro kio?

Unue: Ni esperantistoj depost la lasta tempo klopadas, intence eviti la esprimon „mondhelplingvo“, opiniante, ke tiu ĉi esprimo ne enhavas taŭgan, utilan propagandvaloron. Ni lastatempe kutimiĝis diri „Werltverkehrssprache“ (mondinterkompreniĝilo).

Due: Ĉefe rigardi Esperanton kiel lingvon, kiu antaŭ ĉio servu al praktika celo, nome por la negoco, komerco ktp., kontraŭ tio la Majstro protestis. Esperanto estu antaŭ ĉio interligilo por la popoloj tutmondaj kaj a n k a ŭ helpilo por praktikaj celoj. Nia mortinta amiko Julius H o l z l e i t h n e r (Gmunden) foje nomis Esperanton trafe: Lingvo de l'intelekto kaj lingvo de l'koro. Jen vortoj, kiuj ne bezonas komentarion.

Trie: La uzadon de nia kara lingvo ni ne devas iel limigi, ankaŭ **ne rilate al la tradukado** de nacilingvaj literaturaĵoj. Estas ja ĝuste, ke ĉio en la originala lingvo estas iom alia ol en la tradukita lingvo. Sed tio koncernas ja ne nur Esperanton, sed ĉiun ajn lingvon. Tamen: Ĉu dramo de Shakespeare aŭ verko de Goethe ne ankaŭ bone efikas en la franca aŭ itala lingvoj?

# Esperanto kaj la nuna Austrio

**F. Watzinger, Villach**

Post la teruraj jaroj de la nacireĝimo kaj milito Aŭstrio nun dank' al la venko kaj helpo de la unuiĝintaj nacioj fine estas denove memstara ŝtato. Ni, kiuj travivis ĉi tiujn jarojn, nun havas la malfacilan laboron novkonstrui nian ŝtaton kaj pripensi taskojn plenumotajn. Por ĝuste kompreni ilin estas necese rigardi la pasintecon, la nunan tempon kaj estontecon.

Jam en la estinteco Aŭstrio havis tute specialan mision, kiun ĝi ankaŭ plenumis. Ĝia tasko estis kvazaŭ formi ponton ne nur inter okcidento kaj oriento, sed ankaŭ inter nordo kaj sudo. Kaj kiel dum milito okazis ĉe kaj ĉirkaŭ ponto la plej akraj bataloj, tiel ankaŭ en Aŭstrio okazis gravaj aferoj kaj ĝi ludos ankaŭ en la estonteco certe ankoraŭ gravan rolon dum la novkonstruo de mezeŭropo.

En la pasinteco Aŭstrio ekz. jam defendis mezeŭropon kelkfoje kontraŭ la atakoj de turkoj kaj per tio kontraŭ refalo en la tempon de la nomadoj. Aliflanke Aŭstrio ankaŭ estis la mezpunkto de la kontraŭreformacio kaj malhelpis la antaŭmarŝon de la protestantismo al la sudo. Aŭstrio ja ankaŭ estis preta malhelpi la antaŭmarŝon de la nacisocialismo, kion ĝi devis pagi per la perdo de sia memstareco. La iam disigitaj landoj de Aŭstrio pli kaj pli kunkreskis, la ekonomia kaj politika ĉefloko estiĝis Vieno. En la malnova Aŭstrio ne regis kaj ne povis regi „prusa" spirito, sed formiĝis tio, kion ni nomas la „aŭstrian popolon", kontraste al la „germana popolo". Kelkaj landoj en la alpoj, ekz. Karintio, Stirio, jam en antaŭaj jarcentoj, kiam ili ankoraŭ estis memstaraj, havis grandan influon trans slovena lingvoregiono kaj Kroatio ĝis la Balkano.

Post la unua mondmilito Vieno subite estiĝis la tro granda ĉefurbo de nun malgranda ŝtato. Nur malfacile kaj dolore okazis dum 1918 ĝis 1938 la novordo de nia ekonomia kaj de nia spirita vivo en la nun multe pli malgranda spaco. Kaj tamen restis Vieno, almenaŭ ĝis certa grado, la urbo de la financoj, de la komerco kaj ankaŭ de la spirita vivo trans la ŝtatlimoj al oriento kaj sudoriento. Eĉ ankoraŭ pli! Aŭstrio montriĝis kiel modelo de demokratio kaj sociala ŝtato por

tuta Eŭropo, Vieno kiel urbego, en kiu estis plej realigita la praktika socialismo.

Kaj kiujn taskojn havas Aŭstrio nuntempe?

En ekonomia rilato la kondiĉoj por la nuna Aŭstrio estas malbonaj, ĝi ne povos konkuri kun la okcidentaj kaj orientaj industrioj kaj devos esti kontenta ordigi sian propran modestan ekonomion. Restas ankoraŭ la kultura influo. Sed ankaŭ ĉi-rilate la cirkonstancoj multe ŝanĝiĝis. Ni staras antaŭ ruinoj kaj daŭros longan tempon ĝis ni atingos, kion ni jam atingis. Kaj tamen ni ne volas malesperi, sed kuraĝe fari Aŭstrion kio ĝi estis kaj laŭ sia geografia situo devas esti: la ponto inter okcidento kaj oriento, nordo kaj sudo. Tio estis kaj estas nia historia misio kaj en tio kuŝas nia graveco.

Aŭstrio do estas kvazaŭ internacia kampo kaj al internacia misio necesas internacia lingvo. Estas do ankaŭ tute nature, ke ĝuste la nova Aŭstrio subtenu la internacian Esperantomovadon kaj estiĝu kvazaŭ centro de ĉi tiu movado en mezeŭropo. Laŭ la nuna stato la Aŭstrianoj devus lerni la anglan, rusan, francan lingvojn, al tio ankoraŭ la lingvojn de siaj najbaroj, la ĉeĥan, hungaran, kroatan, slovenan, italan, do entute almenaŭ ok lingvojn. Pli aŭ malpli tio ja ankaŭ okazas ĉe ni, sed tamen tio ne estas solvo de la problemo. Se ni sukcesus fari la Esperanto-movadon en Aŭstrio tiel forta, ke la eksterlando kvazaŭ vidos en Aŭstrio internacian Esperanto-landon, ni certe per tio allogus la esperantistojn el ĉiuj landoj al nia lando kaj tiel povus multe helpi nian ŝtaton en sia novkonstruo. En tio kuŝas nia misio kiel aŭstriaj esperantistoj kaj en tio ankaŭ estas nia rajto postuli la seriozan subtenon de ĉiuj konsciaj Aŭstrianoj.

# Maksim Gorki pri Esperanto

La granda revolucia verkisto, Maksim Gorki, estis granda amiko de Esperanto. Pro lia progresemo, veremo kaj artplena verkado li estas treege amata inter la bulgara laboristaro kaj speciale inter la bulgara esperantistaro. La Esperanto-societoj en Sofia kaj Slivengrad portas lian nomon.

Li havis plurajn favorajn eldirojn pri nia lingvo. En unu el siaj leteroj li i. a. diras:

„La argumento kontraŭ Esperanto estas, ke ĝi estas artefarita lingvo, kaj lingvojn oni arte ne kreas. Mi ne scias kiel estis kreitaj la lingvoj tiam, kiam la homo la unuan fojon sentis la bezonon paroli: la teorioj pri la deveno de la parolo ŝajnas al mi nesufiĉe klarigantaj tiun ĉi proceson. Sed al mi ŝajnas, ke ni homoj rajtas diri: ĉio, kion ni nomas „Kulturo", estas kreita de nia scienco, tekniko, arto, parolo — tio nome, kio nin apartigas de la bestoj — ĉio

ĉi estas artefarita. La teokulereto estas objekto artefarita, tiel kiel artefaritaj estas la tranĉilo, la botoj, la veturilo, la boato, la aŭto, la vaporŝipo, la libro, la muziko, la bildo.

Por la homo — kiel ankaŭ por la besto — estas nature iri nude, muĝi kiel besto; sed estas tute nenature elpensi Prometeon, Faŭston, Donkiĥoton.

Ni loĝas en domoj, urboj, inter objektoj faritaj per la forto de nia racio kaj imago, per la forto de nia volo, por ke nia vivo estu pli facila kaj agrabla. Ĉio sur la tero estas kreata per streĉo de nia volo, nia racio kaj nia imagkapablo."

(El „Internacia Kulturo", Sofia, oktobro 1945)

## LA PLEJ JUSTA JUĜO

### Laŭ Hinda Fabelo

Ramigan, la granda skeptikulo, kies sentencoj kaj juĝoj estis famaj de la Flava Maro ĝis la Tigro kaj Eŭfrato, sidis trankvile kaj bonhumore inter siaj disĉiploj.

„Saĝulo granda" — diris unu el ili — „via saĝo lumas kiel torĉo en la nokto de l'ĝungelo. Niaj animoj soifas ĝian lumon, ĵetu al ni radion el ĝi."

La Majstro, kiu post bonaj kaj abundaj vespermanĝoj kutime rakontis ion al siaj disĉiploj — ĉar la rakontado favore influas la digestadon — diris afable:

„Bone, mi rakontos al vi mian plej justan juĝon. Aŭskultu atente!"

En hinda vilaĝo vivis bramano. Li ne estis tro riĉa, sed tamen li havis grandan trezoron: filinon, kiu estis pli bela ol la matenruĝo, pli gracia ol la lotusfloro tremanta en la arĝentaj radioj de la luno. Ŝia korpo estis pli freŝa ol la ŝaŭmo de la printempa torento; en ŝiaj okuloj brulis misteraj flamoj kaj inter ŝiaj haroj abundaj kaŝis sin dolĉa animo de jasmenfloroj. Oni diris, ke Kamadeva flugadas ĉiam ĉirkaŭ ŝi kaj ĵetas el sia flora pafarko sagon al ĉiu viro, kiu kuraĝas al ŝi proksimiĝi. Oni nomis ŝin Madhupamanjari, ĉar kiel la flora branĉo la abelojn, ŝi allogis ĉiujn virojn per sia dolĉa altirforto.

Kvar junuloj svatis pri ŝia mano. Sed ŝi ne povis elekti. Ŝia koro, kiel la kano en la vento, kliniĝis jen al unu, jen al la alia.

Foje, kiam ŝi dormis en la ĝardeno, venena serpento mordis ŝin. Kaj ŝi mortis.

Neeldirebla doloro kaptis ĉiujn. La patro mortis pro la terura korturmento. La amantoj ploris kaj veis.

La unua ne povis elporti la vivon sen ŝi. Kiam oni, laŭ sanktaj kutimoj, bruligis ŝian kadavron, li ĵetis sin en la flamojn kaj pereis. Liaj cindroj miksiĝis kun la cindroj de la adorata knabino.

La dua faris sanktan promeson, ke ĝis la fino de sia vivo li ne formoviĝos de la kara tombo, li gardos fidele ŝiajn cindrojn.

La tria ektiris siajn ŝultrojn kaj trankvile, kvazaŭ nenio estus okazinta, li reiris en sian vilaĝon.

La kvara serĉis forgeson per vagado tra la mondo.

Ĉi tiu lasta do vagis migrante dum longa, longa tempo. Foje, malfruan vesperon, li venis al dometo, kaj laca li petis tie noktan ripozlokon. La mastro akceptis lin gastame kaj regalis lin per bona vespermanĝo. Sed jen, la filo de la mastro, petolema infano, kiu kuradis ĉirkaŭ la tablo, ekfalinte kaptis al la rando de la tablotuko kaj ĵetis ĉiujn vazojn al la tero. Pro rompiĝo de la vazoj la patro forte ekkoleris kaj en sia subita furoro li kaptis sian filon kaj ĵetis lin en la fajron. Vidante la kruelan morton de la infano forte indigniĝis nia migranto. „Kia kruelo, kia abomeno! Eĉ ne momenton mi restos plu en la domo de tia homo!" — li kriis kaj volis foriri. „Trankvilon, kara!" — diris la mastro — „okazis ja nenio grava." Kaj li prenis libron, legis el ĝi sorĉajn vortojn kaj jen — la infano saltis vive, gaje el la cindro.

Senpacience atendis nia migranto la nokton. Kiam ĝi alvenis, li prenis al si la libron kaj ŝtele foriris el la domo, kaj tag-nokte, senripoze li rapidis. La batoj de lia koro kvazaŭ instigantaj vipofrapoj pelis lin al la hejmo, al la tombo de la adorata Madhupamanjari.

Veninte al la tombo li legis el la libro la sep sorĉajn vortojn kaj jen, kiel Ŝri, la diino de l'amo el maraj ondoj, leviĝis Madhupamanjari el la cindroj vive, ridetante, en centobla beleco.

Sed kun ŝi leviĝis ankaŭ la junulo, kiu ĵetis sin en la flamojn.

Kaj ĝojkriante saltleviĝis, etendante siajn rigidajn membrojn, la ĝis nun senmova gardanto de la tombo.

Kaj la rapide disvastiĝinta famo pri la miraklo baldaŭ alvenigis ankaŭ la kvaran junulon.

Do denove kvar junuloj svatis pri la mano de Madhupamanjari. Kaj ŝia koro restis kiel la kano en la vento. Ŝi ne povis decidi.

Fine ŝi diris: „Tiu havu min, kiu pleje min meritas." Kaj ili venis al mi por peti man juĝon.

„Kaj vi? Al kiu vi juĝis ŝin?" demandis scivole la disĉiploj.

„Mia saĝo eldiris la juĝon jene:

Kiu revivigis la knabinon, tiu meritas, ke li estu ŝia patro, ĉar li donis vivon al ŝi.

Kiu ĵetis sin en la flamojn, tiu meritas, ke li estu ŝia frato, ĉar li estis tiel oferema.

Kiu gardis fidele la cindrojn, tiu meritas, ke li estu ŝia sklavo servema por ĉiam.

Kaj kiu eltiris la ŝultrojn kaj trankvile hejmeniris, tiu meritas, ke li estu ŝia edzo. Li havu la knabinon."

„Granda vi estas majstro!" kriis la disĉiploj unuanime.

Teo Melas.

(El „Literatura Mondo", 1922, n-ro 1.)

## *Muziko*

Muziko! Vi estas la esprimilo de niaj sentoj. Ĉio, kio jubiligas, kio turmentas la homan animon, trovas en vi sian esprimon.

Jen rulas sin al ni la suprenŝaŭmantaj ondegoj de elementaj pasioj — jen gaje kirliĝas la triladoj de kvieta sereneco. Temperamentaj eksplodoj ŝprucas tra la atmosfero — melankolio elegias triste, senoptimisme, kaj morteme rampas al malhelo . . .

Pike traboras doloroj de akra sonaro.

Laca, finĉerpinte en la deĵora klopadado siajn forton kaj energion, la homo serĉas ripozon en la muziko. La milda plaŭdado de serenaj kantoj rehavigas al li la animan ekvilibron, firmigas lian bonhumoron. Se kanto eksonas enuo forpasas, deturniĝas ĉiuj malhelaj perspektivoj. La ritmo kaptas nian korpon. Valsoj plenigas ĉiujn niajn vibrojn ĝuige kaj je la energiaj melodioj de marŝoj rektiĝas nia korpo kaj ni eksentas nin pli liberaj.

Se mi, homo kun pli subtila sentado, spertis jen denove ian amaran seniluziigon, mi rifuĝas al vi, kara muziko, plena je fido, konsciadante, ke vi, pura kaj integra, konsolos min.

Hugo Kraus

# LA ESPERANTO-MOVADO EN AUSTRIO

## Viena Delegitaro

En la kunsido de 3. 7. 1946 speciale estas traktita la preparaj laboroj por la propagando komence de aŭtuno. Por la propaganda fonduso donacis la sekve cititaj Vienaj E-grupoj jenajn sumojn: „Suno" ŝil. 65.—; Fervojista fakgrupo 30.—; „Verda Stelo" 10.—; „K. Kalocsay" 50.—; „Harmonio" 40.—; „Danubio" 35.—; „Nia Vojo" 15.—; „Vereco" 15.—; „Nia Stelo" 30.—; „Centro" 20.—; „Supren" 20.—; „Libereco" 10.—; „Amikeco" 5.—; „Antaŭen" 10.—. La ceteraj grupoj certe sekvos ĉi tiun imitindan ekzemplon.




**Frukto de modela, pionira laboro: Nia bela Esperanto-Hejmo en Vieno.**

Vasta diskutado estiĝis pri la kolektado de subskriboj pri Esperanto por U. N. O., aranĝita de IEL. Provizore AEF presigis 20.000 deklarojn kaj distribuis ilin al ĉiuj E-grupoj tra tuta Aŭstrio. Sed la Viena Delegitaro opinias necese ankoraŭfoje presigi 20.000 deklarojn por povi fari larĝbazan propagandon, kvankam certe ne refluos ĉiuj deklaroj subskribitaj. Tamen la disdonado mem jam estas propagando

por Esperanto kaj atentigos multmilojn da homoj pri la lingva problemo. Tiurilate IEL meritas multan dankon de la tutmonda esp-istaro. S-anoj R. M. Frey kaj Ebner (Klosterneuburg) promesis celi, ke ankaŭ „Gesellschaft der Freunde des Esperanto" finance kontribuu parton de la kostoj por tiu ĉi subteninda afero. La delegitoj salutis la decidon de AEF subteni ĉiuforte la subskribkolektadon de IEL, por ke tiu ĉi mondskala varbado por Esperanto fariĝu impona sukceso.

Pri la festo „Horo de la popola interpaciĝo" la 25. 6. 1946 estas raportite, ke ĝi estis sukceso kaj alportis netan gajnon de ŝil. 108.16. Por la bona sukceso de la aranĝo esprimis la Delegitaro sian dankon al ges-anoj Lisl Frey, Ludwig Sager, Emil Vokal kaj al ĉiuj aliaj kunagintoj.

La unuan ekzamenon de Aŭstria Esperanto-Instituto partoprenis 18 personoj kaj faris la ekzamenon pri la lingva kapapleco kun bona sukceso. S-ano Kraus akcentis, ke estonte AEI aranĝu la ekzamenon pli rigore por ke iom post iom pligrandiĝu la nombro de esp-istoj disponantaj pri instrukapableco. Tiun proponon subtenis ankaŭ ĝenerala sekretario s-ano R. M. Frey.

Spite la someran veteron la E-grupoj ĝenerale montras sufiĉe viglan vivon. S-ano Finkenzeller sugestis, ke la grupoj somere aranĝu ekskursojn al banejoj k. s. kaj proponis la 21. 7. 1946 okazigi renkontiĝon esp-istan en la banejo Klosterneuburg. Akceptite.

S-ano Kraus proponis, ke la grupoj pli vigle disvendu la „Bausteine" de AEF, despli, ĉar la grupoj profitos el la vendado je 50 procentoj. La delegitoj esprimis la deziron al la libroeldonejo „Tramondo", ke ĝi klopodu laŭeble baldaŭ eldoni facilan E-literaturon por komencantoj kaj propagandaj celoj.

**E-societo „Danubio", Wien VII.**, fondita en la jaro 1911, reaktiviĝis tuj post la liberiĝo de Aŭstrio. Ĝis nun 49 ges-anoj aliĝis al la grupo. La iama societa biblioteko de pli ol 1400 libroj perdiĝis dum la faŝista okupado. La nova biblioteko, nomita laŭ la pasintjare mortinta organizinto de la libraro „Franz-Vasta-Biblioteko", tamen denove jam nombras 200 volumojn, parte tre valorajn. La estraro konsistas el la ges-anoj kalkul-rev. Raimund Cech, Prezidanto; direktoro Jauernig, vicprec.; intend. Lochner, sekretario; pol. ofic. Poppe, kasisto; urba ofic. Mann, vickasisto; kom. Minarik, protokolanto; Oskar Kovacic, bibliotekisto; direktoro Ditrich kaj s-ino Feichtinger, konsilantoj. Okazis jam 20 kunvenoj, ĉiam bone vizitataj kun interesaj paroladoj kaj prelegoj. Estas eldonata speciala „Informilo" por la societanoj. Gastoj estas ĉiam kore bonvenaj.

**E-grupo „Koloman Kalocsay", Wien IX.**, okazigis la 13. 6. 1946 kursfinfeston en la popola altlernejo de la 9-a distrikto. La festparoladon faris la grupestro kaj vaste konata s-ano Nikolaus Hovorka.

Li mem pasigis kelkajn jarojn en nacikoncentrejoj kaj pro tio akcentis en sia parolado, ke Esperanto kvazaŭ ricevis la fajropapton pere de la suferintoj — murditoj en Franko-Hispanio aŭ persektitoj per la Hitler-anoj nur pro tio, ĉar ili estis esp-istoj. Per flamaj vortoj la oratoro substrekis, ke Esperanto fariĝis sankta al ni esp-istoj, kiuj plej bone sentas la neceson de internacia solidareco.

Kursgvidinto s-ano Kraus detale klarigis la sencon de la Interna Ideo de Esperanto.

Poste s-inoj Sanda kaj Zugschwert kune deklamis la E-himnon, s-ro Lux germane deklamis „Das Lied von der Glocke“ kaj la naŭjara Enjo (Eva Stockinger) el la sama poemo deklamis strofon klare kaj bele. La grupo akiris el la kurso novajn membrojn.

**Ekskurso al Klosterneuburg.** Laŭ iniciato de s-ano R. Cech estas aranĝita ekskurso de Vienaj esp-istoj al Klosterneuburg dimanĉe la 30. 6. 1946. Aro da ges-anoj je la 14-a kolektiĝis en Nußdorf kaj veturis aŭtobuse al la celo, kie ili estis atenditaj de s-ano Ebner kun aliaj s-anoj el Klosterneuburg. En gastejo apud la Danubo ni en vigla interparolado kaj diskutado pasigis la posttagmezon kaj vespere ni adiaŭis de niaj amikoj, promesante al ili, ke ni baldaŭ revizitos ilin kaj reveturis Vienon. S-ano Ebner tre bone aranĝis la kunvenon kaj meritas la dankon de la partoprenintoj.

**Edziĝo.** S-ano Adolf Peterlik, ano de la centra estraro kaj fervora kunlaboranto, edziĝis kun f-ino Stefanie Schober la 29. 6. 1946. En la nomo de AEF-estraro ĉeestis ĝen.-sekr. R. M. Frey. Ni deziras al la junaj geedzoj elkore ĉion bonan por la estonto.

**S-ano Karl Nebenzahl,** kiun certe multaj Vienaj esp-istoj ankoraŭ bone memoras, elmigris al U. S. A. kaj sendas de tie al ĉiuj aŭstriaj esp-istoj korajn salutojn. Li redaktas E-kurson en la gazeto „Nature Friend“ („Naturamiko“) kaj per tio daŭrigas la agadon por Esperanto trans la oceano. Ni esperu, ke niaj bondeziroj kaj salutoj por li atingu lin de liaj aŭstriaj amikoj kaj samcelanoj.

### „Horo de la popola interpaciĝo“

Sub tiu ĉi titolo okazigis la Aŭstria Esp.-Federacio solenaĵon kaŭze de la festo de Unuiĝintaj Nacioj la 25. 6. 1946 vespere en la Schubert-salonego de la koncertdomo en Vieno.

La feston beligis la kantĥoro de Laborista Kantligo Jedlesee sub sia ĥorestro F. Marschall, kiu ankaŭ esperante kantis. Flaman konfeson al la estonta paco inter la popoloj, kiun devas gardi U. N. O., faris s-ano Nikolaus Hovorka en sia bonega festparolado. Norbert Schrott kun siaj muzikistoj kaj la kantistino Trude Groj sub la reĝio de s-ano Ludwig Sager trovis multan plaĉon. Grandan aplaŭdon rikoltis la

aktoroj de esperanta teatraĵeto, enscenigita de la ĉarma „instruistino“ f-ino Lisl Frey kaj de nia senlaca s-ano Vokal.

La solenaĵo kunigis la Vienan esp-istaron en la bela kadro de la koncertejo kaj la plena salono montris la kreskadon de la anaro. Ni esperu, ke el la malgranda aro de la aktoroj-amatoroj denove evoluu iom post iom la„Verda teatro“, kiu antaŭ 1938 multe kontribuis al la beligo kaj amuzigo de la esp-istaj prezentadoj.

## Federaciaj landoj

**Ebensee, Oberösterreich.** Post venko pri diversaj malfacilaĵoj la „Esp-ista Rondo“ aranĝis komencan kurson kun 30 gelernantoj. La kurso okazas en la knabina lernejo (ĉe la preĝejo) kaj instruas la ŝtate ekzamenita E-instruisto s-ano Max Lezak.

Por Ebensee tio estas granda sukceso kaj ni povas gratuli la grupon pro la vigla agado. Precipan meriton en tio havas s-ano Weiskirchner, kiu persone finance subtenas la varbadelspezojn.

**Horn, Niederösterreich.** La E-grupo „Arbara Regiono“ montras sub la gvidado de sia estro s-ano Rudolf Bartosch tre viglan agadon. El la raporto de 10. 6. 1946 ni citu: a) konstanta kinoreklamo; b) komunikoj pri Esperanto al la gazetoj; c) parolado de s-ro kort. konsil. Hugo Steiner pri Esperanto en speciale aranĝita publika kunveno; d) diversaj varbadoj vorte kaj skribe. Pluaj celoj de la grupo estas: Varbado por E. pere de la Puposcenejo en Horn kaj lernigo de E. en infangrupo. La grupo disponas pri lumbildaparato kaj belaj ejoj. Ĝi presigis afiŝojn, leterpaperon kaj diversajn aliajn presaĵojn varbcelajn. Ĉio ĉi postulas ankaŭ sufiĉe da financaj rimedoj, sed la grupo havas la feliĉon, ke ĝis nun ĉiujn elspezojn povis pagi la grupestro malavare el sia propra poŝo.

**Innsbruck, Tirol.** Ni klopodis sub la gvidado de s-ano prof. Mair restarigi la iaman E-klubon de Innsbruck, sed la ŝtata aŭtoritato ne aprobis la malnovajn statutojn. Tial estas decidite fondi la 1. 6. 1946 lokan grupon de AEF. Nova estro fariĝis la konata s-ano Martin Stöckl, kiu jam kunlaboris en la AEF-movado ĝis la fatala marto en 1938. Sekretario Hans Richter; kasistino Rosa Wiendl; kontrolanto Josef Bauer. La jam 82 jara s-ano prof Mair, kiu ĉiam ageme por Esperanto varbadis, multe klopodis pri la kolektado de la esp-istoj en Innsbruck kaj pri restarigo de E-societo, pro danko kaj rekono de liaj meritoj unuanime estas elektita Honora Prezidanto de la grupo.

Aŭtune la grupo intencas entrepreni vastan varbadon, por ke Esperanto ricevu sian indan signifon en la multekonata fremdultrafika urbo Innsbruck. Leteradreso de la grupo: Innsbruck, Bacherstraße 5.

**Oberpullendorf, Burgenland.** Ĝoje ni ricevis la komunikon, ke la

29. 6. 1946 okazis interparolado inter esp-istoj kaj amikoj de Esperanto pri rekonstruo de la iama E-societo por la distrikto Oberpullendorf. 8 personoj deklaris sian tujan aliĝon al AEF kaj jam pagis sian kotizon kaj ili deklaris sin pretaj ekpreni la laboron por Esperanto en Burgenland.

En tiurilata letero al AEF la ges-anoj el Oberpullendorf transdonis siajn salutojn al la esp-istaro de Vieno kaj Aŭstrio. La almetitan protokolon pri la kunveno subskribis la s-anoj Kraxner, Rainer, Maurer, Koger kaj Wiesinger.

Rimarkigo de la red.: Ni kore ĝojas, ke Esperanto ankaŭ denove enpenetris Burgenland-on kaj esperas, ke niaj amikoj tie baldaŭ povos anonci al la tutaŭstria E-movado novan sukceson. Koran saluton en la nomo de ni ĉiuj al Oberpullendorf!

**Salzburg.** La 12. 6. 1946 okazis grava kunveno de la E-societo „Vera Stelo". Vicprezidanto prof. d-ro Christanell povis saluti pli ol 50 ges-anojn, inter ili la eksterlandanojn apotekisto Oresto Horodecky (Ukrainano), Franz Acs (Hungaro) kaj Richard Pikner (Estoniano). S-ano instruisto Fötinger bonege informis la kunvenintojn pri la E-movado en Anglujo, Aŭstrio, Ĉ. S. R., Francujo kaj Germanujo kaj instigis ilin al pli aktiva kunlaboro kaj varbado por Esperanto. S-ano Huber sciigis, ke renkonto kun la supraaŭstriaj ges-anoj en Vöklabruck estas preparata. S-ano Noggler varbis inter la ĉeestantoj por „Österreichische Gesellschaft der Esperantofreunde". Li ankaŭ fondos sekcion por filatelistoj.

La grupo eldonis poŝtkartojn kun E-teksto kaj leterpaperon kun societsurpreso. Oni laŭdas la bonegan E-kurson en „Das Kleine Rätsel" kaj deziras, ke la kurso poste aperu libroforme.

En Saalfelden intencas s-anino Lisl Oberlechner, ĉeflerneja instruistino, aranĝi E-kurson kaj poste fondi grupon.

Du elmontraj fenestroj en la urbmezo estas luitaj propagandcele. La estraroj de la tri demokrataj partioj estas petitaj subteni la E-varbadon. „Salzburger Tagblatt" aperigis la 13. 6. 1946 longan artikolon pri Esperanto verkitan de s-ano Anton Huber. La nova adreso de „Verda Stelo" estas: Salzburg 1, Postfach 65.

Kun funebraj sentoj ni memoras la ges-anojn mortintajn dum la lastaj jaroj: En julio 1942 mortis nia fervora propagandisto s-ro Rudolf v. Lidl pli ol okdekjara. Ĉeflernejdir. Reischenböck fariĝis viktimo de nacisocialismo. Krome mortis la s-roj Albin Gerhard kaj Hans Schweinzer, f-ino Ella Binder, s-ino Emma Flach. La 16. 4. 1946 forlasis nin por ĉiam nia ŝatata prezid. Karl Flach pli ol sepdekjara, estinte fervora esp-isto kaj vera idealisto. En tiu tempo mortis ankaŭ la unua esp-isto en Salzburg, koncertmajstro Josef Schmid, kiu jam en 1908 instruis Esperanton.

**Aŭstria Esperantista Federacio**
Centro-Sekretariejo: Wien I.,
Neutorgasse 9

**Aŭstria Esperanto-Servo**
Direktoro s-ano R. Cech,
Wien VII/62, Lindeng. 8/11

**Listo de AES-Delegitoj**

**Alt-Dietmanns** 102, P. Gr.-Siegharts, N.-Ö.: Friedrich P i t z l, fervojisto.
**Amstetten,** Hauptplatz 9, N.-Ö.: Oskar K o v a ć i ć, redaktoro.
**Bisamberg,** Reichsstraße 154, N.-Ö.: Hugo S t e i n e r, kortega konsil.
**Ebensee,** Kalvarienberggasse 8, O.-Ö.: Max H e i ß l.
Hauptstraße 11: Berta L o i d l, komercistino (vic.-del.).
**Eggenburg,** Wiener Straße 2, N.-Ö.: Elfriede D o r n - T e s c h.
Berta-Suttner-Straße 2: Ferdinand S t ö c k l (vic.-del.).
**Greifenburg,** Platz 55, Kärnten: Alexius Dol G o v a l l o.
**Kirchbichl,** Tirol: Hans S t e i n e r, financ-oficisto.
**Haugsdorf,** Schule, N.-Ö.: Alois S c h n e i d e r, lern.-dir.
**Innsbruck,** Grenzstraße 13, Tirol: Albert M a i r, lern.-dir. e. p.
**Kalksburg b. Wien,** Breitenfurter Straße 36, N.-Ö.: Ernst M a j t a n i c, frizisto.
**Kaltenleutgeben,** Hauptstraße 61, N.-Ö.: Josef P i c h oficisto.
**Klagenfurt,** Sterneckstraße, Kärnten: Otto M ü l l e r.
**Klosterneuburg,** Bertholdgasse 6/II, N.-Ö.: Anton B u r i a n, oficisto.
**Köflach,** Schule, Steiermark: Hans W a k o n i g g, lernejestro.
**Korneuburg,** Bisamberg 154, N.-Ö.: Hugo S t e i n e r, kortega konsilisto.
**Kufstein,** Finanzamt, Tirol: Hans S t e i n e r, financ-oficisto.
**Maria-Enzersdorf b. Wien,** Karl-Huber-Gasse 2, N.-Ö.: Lina B ö h m.
**Ried i. Innkreis,** Bahnhofstraße, O.-Ö.: Karl L i n e k.
**Salzburg,** Postamt 2, Salzburg: Lya R u ß m a i r, postoficistino.
**Spital,** Kärnten: Erich F i s c h e r, tadukisto.
**Tamsweg,** Finanzamt, Salzburg: Alois F i n k, financ-oficisto.
**Ulrichskirchen** 192, N.-Ö.: Karl H e g e r, oficisto.
**Vassach b. Villach** 45, Kärnten: Heinrich B a u s b a c h, fervoj-ofic.
**Villach,** Hauptschule, Kärnten: Franz W a t z i n g e r, lern.-dir.
**Wien** VII/62, Lindengasse 8/II/11: Raimund C e c h, kalk.-revid.
**Wiener-Neustadt,** Günthergasse 29, N.-Ö.: Heinz H a n d l e r.
Pottendorfer Straße 121/14: Raimund L e b e r (vic.-del.).

# Verbandsmitteilungen

**Warum „Austria Esperanto-Revuo"?**

Schon bei der Gründung der AEF hat der Verbandsvorstand beschlossen, nach Überwindung der bestandenen zeitbedingten Schwierigkeiten, als Verbandsorgan den „Austria Esperantisto" herauszugeben, welcher bis zum März 1938 das offizielle Organ der Austria Esperanto-Asocio (AEA) war. Die Verbandsleitung glaubte, in dieser Weise den Zusammenschluß und die Vereinheitlichung der österreichischen Esperantobewegung nach außen hin am deutlichsten zu dokumentieren, daß von den beiden bestandenen Organisationen von der einen — AEF — der Name der Organisation, und von der anderen — AEA — der Titel der Zeitung weiter erhalten bleiben sollen.

Leider ist jedoch bei der endlichen Verwirklichung der Herausgabe des „Austria Esperantisto" in Erscheinung getreten, daß diese Esperantozeitschrift bis 1938 nur dem Namen nach das offizielle Organ der AEA war, in Wirklichkeit aber eine private Esperantozeitung des Herrn Hofrates Hugo Setiner gewesen ist, der sie nur der AEA für die Veröffentlichung ihrer Mitteilungen zur Verfügung stellte.

Da bei einer stattgefundenen Verhandlung Herr Hofrat Steiner auf sein ursprüngliches Besitz- und Herausgaberecht und auf den Titel der Zeitschrift „Austria Esperantisto" zugunsten der AEF nicht verzichten wollte, so hat der Zentralvorstand in seiner Sitzung vom 19. Juni 1946 einstimmig beschlossen, das neue Verbandsorgan der AEF unter dem Titel „Austria Esperanto-Revuo" herauszugeben.

Wir hoffen, daß wir damit den schon lange zum Ausdruck gebrachten Wunsch unserer Mitglieder nach einer reichhaltigeren Verbandszeitschrift erfüllt haben und wir werden uns in Zusammenarbeit mit dem Redaktionskomitee bemühen, in der weiteren Ausgestaltung unser Bestes zu leisten. Der Verbandsvorstand.

**Österreichische Gesellschaft der Freunde des Esperanto**

wirbt in den weitesten Kreisen der österreichischen Bevölkerung für die Einführung des Esperanto in den Schulen, im Verkehrsleben und für die Völkerverständigung.

Protektor: Bundeskanzler Ing. Leopold Figl.

Im Ehrenausschuß sind prominente Persönlichkeiten des österreichischen öffentlichen Lebens.

Präsident der Gesellschaft und Gründer ist Hofrat Hugo Steiner, Wien, Bisamberg 254, an welchen alle Anfragen und Anmeldungen zu richten sind.

Beiträge:

S 2.— für ordentliche Mitglieder pro Jahr,
S 20.— für unterstützende Mitglieder,
S 100.— für gründende Mitglieder.

Das offizielle Organ „Der österreichische Esperantist" erscheint vierteljährlich, und wird allen Mitgliedern unentgeltlich zugesendet.

La lasta estrarkunsido de AEF decidis proponi al Österr. Gesellschaft der Freunde des Esperanto la elekton de „Kontakta Komitato" por prepari kaj entrepreni la komunajn aferojn. La Ö.G.d.F.d.E. akceptis la proponon kaj elektis la s-anojn Cech, Ebner kaj Nemec. AEF delegis la ges-anojn Hugo Kraus, Vokal kaj Zajicek.

**Die Unterschriftensammlung der IEL. für Esperanto**

Mittels eigener Zirkulare wurden alle Gruppen von dieser internatio-

nalen Werbung der IEL für Esperanto verständigt und allen zugleich die entsprechende Anzahl von „Erklärungen" zur Unterschriftensammlung zugesendet. Diese Unterschriftenwerbung ist neben ihrem eigentlichen Zweck — die UNO für die Einführung von Esperanto in den Schulen zu gewinnen — eine ausgezeichnete Gelegenheit, um weite Kreise der Bevölkerung mit der Idee des Esperanto bekanntzumachen und wir bitten alle Esperantisten um regste Mitarbeit. Die eingesammelten Adressen sollen womöglich in den betreffenden Gruppen auf eigene Listen abgeschrieben werden, weil sie später von den Gruppen für Werbezwecke benützt werden können. Die eingesammelten unterschriebenen Erklärungen sind ehebaldigst an die Zentrale einzusenden. Werbet eifrig weiter, denn Österreich soll mit an der Spitze der aktivsten Länder stehen.

# Austria Esperanto-Instituto

### Ergebnis der Prüfungen des AEI.

Das österreichische Esperanto-Institut veranstaltete von Jänner bis Juni d. J. zur Vorbereitung für die Prüfungen über die Kenntnis und Lehrbefähigung in Esperanto einen Lehrgang für Kursleiter. Die Leitung war unserem alten Esperanto-Aktivisten S-ano Dir. Menacher anvertraut. In den Vorträgen des Seminars las S-ano Prof. Dr. Sirk über die Geschichte des E. und das Leben Dr. Zamenhofs. Die Abende waren von 46 Teilnehmern besucht. Davon traten an den beiden Prüfungstagen, am 24. Juni und 2. Juli 1946, neun zu den Prüfungen an. Sie legten, ebenso wie neun weitere Teilnehmer, die das Seminar nicht besucht hatten, sämtliche die Prüfung mit bestem Erfolg ab und wurden bei der Überreichung des Prüfungszeugnisses vom Direktor des Instituts S-ano Dr. Grimme zu ihrem Erfolg beglückwünscht und aufgerufen, ihre nunmehr bewiesenen Kenntnisse und Fähigkeiten in den Herbstkursen und bei allen sonstigen Gelegenheiten der Werbung für die Sache des Esperanto zur Verfügung zu stellen. Dr. Grimme führte im Besonderen aus, daß die Prüfungsergebnisse um so erfreulicher sind, als sie für die bedeutende Aktivität unserer S-anoj zeugen, die trotz der widrigen Lebensverhältnisse ungebrochen und mit neuen Impulsen die Idee unserer Sprache des Friedens hochhalten.

Abschließend wies Dir. Dr. Grimme noch auf die im Herbst stattfindenden neuerlichen Prüfungen des AEI hin, denen eine ebenso große Teilnehmerzahl und ein ebenso großer Erfolg beschieden sein möge.

Hugo Kraus.

### Aŭtunaj kursoj

Por la gvido de kursoj ekde aŭtuno 1946 povos nomi sin rajtigitaj nur tiuj personoj, kiuj aŭ estas ŝtate ekzamenitaj aŭ havas ateston de AEI. Kursgvidontoj, kiuj ne jam povis plenumi la ekzamenon, havos okazon komence de septembro. AEI planas aranĝi tiam mallongajn lecionojn pri kursinstruado kaj specialan, facilan ekzamenon kun la celo de provizora rajtigo, kondiĉe de posta pruvo de plena kapableco. Koncernaj anoncoj ĝis la fino aŭgusto al la sekretariejo.



# Lingvaj demandoj

Respondas Aŭstria Esperanto-Instituto, Wien I., Neutorgasse 9

A. B., Wien XIX., demandas:

a) Ĉu vi per ekzemplo povas klarigi al mi la diferencon inter la vortoj koncepti kaj percepti?

b) Ĉu oni ankaŭ povas diri: „La grupo fondiĝis“ anstataŭ „. . . estas fondita?“

c) Kion signifas la vorto „aperto“, ekz. aperta letero?

Respondo:

a) Oni perceptas per la sensoj, ekz. lumon per la okuloj, sonojn per la oreloj ktp.; sed oni konceptas ideojn per la menso aŭ intelekto. Ĉar „koncepto“ estas pli nova esprimo, oni trovas apud „mondkoncepto“ ankoraŭ „mondpercepto“ (Weltanschauung). Sed en la psikologio oni devas precize diferencigi. Vidu „La instruado de Esperanto“, broŝuro ĵus eldonita de „Tramondo“, speciale verkita por kursgvidantoj.

b) Oni povas diri „La grupo fondiĝis“, se oni volas esprimi nur la okazon, ke ĝi estiĝis, ignorante le manieron, kaŭzon aŭ fondinton. Ĝi konformas al la germana refleksiva formo „. . . hat sich gegründet“. Detalan klarigon pri tiu „neŭtra formo“ de la verbo vidu en la traktaĵo „La sufikso iĝ en Esperanto“ de E. Werner, multobligita kajero, havebla ĉe „Tramondo“ por ŝil. 1.—.

c) „aperta“ ne estas oficiala kaj certe ne necesa neologismo (novvorto) por „ne fermita“ aŭ „malfermita“ (germane „offen“), do „aperta letero“ germane signifas „Offener Brief“, ekz. ofte legebla en gazetoj kiel artikola surskribo.

# Die Seite für den Lernenden

**Geleitet von Hans Aitzinger**

**Transitivaj kaj netransitivaj verboj**

Die Grammatiker unterscheiden transitive und intransitive Zeitwörter (transitivaj kaj netransitivaj verboj).

Transitive Zeitwörter drücken eine Handlung aus, die sich auf eine Person oder Sache richtet.

Ekzemploj: ĉagreni, ruli, naŭzi, trinki, kanti.

La malbonkonduto de la infano ĉagrenas la patron.

Mi rulas la barelon sur la monteton.

La afero naŭzas min. Mi trinkas akvon. Ni kantas la himnon.

Intransitive Zeitwörter drücken eine Handlung aus, die nicht auf eine Person oder Sache gerichtet ist.

Ekzemploj: dormi, degeli, sidi, kuŝi, iri.

La infano dormas. La neĝo degelas. Mi sidas. Vi kuŝas. Li iras.

In Esperanto bilden wir durch die Nachsilbe „iĝ" aus transitiven Zeitwörtern intransitive Zeitwörter:

| transitivaj verboj: | netransitivaj verboj: |
|---|---|
| ĉagreni | ĉagreniĝi |
| ruli | ruliĝi |
| naŭzi | naŭziĝi |
| komenci | komenciĝi |

„Mi ĉagrenas" bedeutet: ich verursache jemandem Ärger, ich versetze jemanden in Zorn, ich bereite ihm Kummer — also die Wirkung Handlung (ĉagreni) überträgt sich auf jemanden anderen, nicht auf mich selbst.

Wenn ich ausdrücken will, daß ich selbst in Zorn gerate, ärgerlich werde, dann darf ich nicht sagen: Mi ĉagrenas, denn „ĉagreni" kann ich nur einen anderen, nicht mich selbst.

Wenn ich selbst zornig, ärgerlich werde, dann muß ich aus dem transitiven „ĉagreni" mit Hilfe der Nachsilbe „iĝ" ein intransitives Zeitwort bilden. Ich bin zornig, ich bin ärgerlich, bekümmert, heißt also: Mi ĉagreniĝas.

La malbonkonduto de la infano ĉagrenas la patron. La patro ĉagreniĝas pro la malbonkonduto de la infano. Mi rulas la barelon sur la monteton. La barelo ruliĝas de la monteto malsupren. La afero naŭzas min. Mi naŭziĝas de la afero. Oni komencas prezenti filmon. La filmprezentado komenciĝas.

„Degeli" bedeutet: in den Zustand des Schmelzens, des Flüssigwerdens geraten. Neĝo degelas pro la sunvarmo. La sunvarmo degeligas la neĝon. Mi ĝojas pri tio. Tio ĝojigas min. Multaj plantoj pereas pro la frosto. La frosto pereigas multajn plantojn.

Es gibt auch transitive Zeitwörter, die oft intransitiv gebraucht werden, und intransitive Zeitwörter, die man transitiv gebrauchen kann.

Ni kantis belan kanton. („Kantis" ist also transitiv.) La birdoj bele kantis. (Die Wirkung dieser Handlung überträgt sich nicht auf eine Person oder Sache, daher ist in diesem Falle „kantis" intransitiv.) Li vivis dum jaro en paco. („Vivis" estas transitiva, netransitive uzata.)

Nur transitive Zeitwörter können in der leidenden Form (en pasiva formo) gebraucht werden: Mi estas amata, li estas ĉagrenata, la bareloj estas suprenrulitaj, la naŭzata gasto.

Intransitive Zeitwörter gebraucht man gewöhnlich nicht en pasiva formo. Man kann nicht sagen: Mi estas enuita, aŭ: mi estas odorata.

## Eine interessante Übersetzungsaufgabe.

Wir stellen den Lernenden eine Aufgabe, die in den Esperantogruppen gemeinsam gearbeitet werden könnte. Die besten Sätze werden wir in einer der nächsten Nummern der „Revuo" veröffentlichen. Die Übersetzungen sind einzusenden an: Hans Aitzinger, Wien VI., Webgasse 41/6.

Übersetzet die verschiedene Bedeutung des Wortes „gehen":

1. Ich gehe auf einen Ball. 2. Mir geht es gut. 3. Wie geht es dir? 4. Die Uhr geht gut. 5. Die Uhr geht vor. 6. Das geht so nicht weiter. 7. Der Wind geht. 8. Das geht nicht. 9. Der Zug geht um 8 Uhr. 10. Das Geschäft geht gut. 11. Einer Sache auf den Grund gehen. 12. Die Arbeit geht an. 13. Die Tür geht auf. 14. Der Teig geht auf. 15. Die Knospe geht auf. 16. Die Sonne geht auf. 17. Der Knoten geht auf. 18. Mir geht ein Licht auf. 19. Er geht in seiner Arbeit auf. 20. Er geht der Arbeit nach. 21. Er geht in die Fabrik. 22. Die Straße geht nach Paris. 23. Das Pferd geht durch. 24. Der Kassier geht durch. 25. Das geht mir immer durch den Kopf. 26. Der Antrag geht durch. 27. Die See geht hoch. 28. Das geht mir nahe. 29. Geh weg! 30. Laß mich gehen! 31. Er geht spazieren. 32. Das Pferd geht ein. 33. Die Firma geht ein. 34. Der Stoff geht ein. 35. Das Licht geht aus. 36. Er geht leer aus. 37. Die Sache geht gut aus. 38. Mir gehen die Haare aus. 39. Ich gehe zu Bett. 40. Er geht ums Haus. 41. Geh, sei vernünftig! 42. Alles geht vorbei. 43. Er hat sich in der fremden Stadt vergangen. 44. Ich gehe in der Beurteilung dieser Sache von einem anderen Standpunkt aus. 45. Bitte, vorgehen! 46. Die Milch geht über. 47. Die Sonne geht unter. 48. Das Schiff ging unter. 49. Meine Worte gingen in dem Lärm unter. 60. Der Wiener geht nicht unter.

## Kiel mi fariĝis esperantisto?

Dum la lastaj ekzamenoj de Aŭstria Esperanto-Instituto pri instrukapableco la partoprenantoj estis devigataj, inter alie verki stilan taskon pri la supre menciita temo. Ĉiu unuopa verkaĵo donis interesajn detalojn pri la maniero de la vojo, kondukanta la gesamideanojn al nia movado.

Oni do eksciiĝis el tiuj dudek taskoj, kiel diversspecaj estas la ebloj, kiuj allogas homojn en niajn kursojn. El tio ni volas lerni kaj ni alvokas nian anaron, sendi al la redakcio de nia revuo laŭeble multnombre raportojn, por ke ni ĉerpu el ili, en kia direkto estonte estu farataj niaj varbado kaj propagando.

Bonvolu havigi al ni viajn kvazaŭajn taskojn pri la temo „Kiel mi fariĝis esperantisto?" ĝis la 31a de aŭgusto 1946. Viaj raportoj ege subtenos niajn klopodojn rilate al la propagando kaj varbado farendaj. Kunhelpu do! Pro via kunlaboro akceptu jam nun koran dankon! Speciale interesajn verkaĵojn ni intencas publikigi. St. Z.

# EKSTERLANDA ESPERANTO-MOVADO

### Vekiĝo

Kia ironio! Per lozungo *) „Deutschland erwache!“ oni sukcesis mistifiki grandan popolon multmeritan. Popolo grandmerita ankaŭ sur kampo esperanta! Ĉar kio estus vi, Esperanto nia, sen pioniroj Einstein, Trompeter, Meier kaj Schmidt? Sen Hankel, Mijbs, Steche, Arnold, Schramm, Dietterle? Ĉu vi ne estis 8000-ope kaj bone organizitaj jam en 1914? Kiom Esperanto ŝuldas al Hirt, Ellersiek kaj Borel? Kiom al Tarnow, Jung kaj Wüster? Nur informita esperantisto povas laŭvalore taksi la cititajn nomojn. Senliman dankon ni ŝuldas al vi kaj multaj necititaj samnacianoj viaj — kaj ne laste al via karakteriza „ĝisfundeco“!

Venis nigra 1933. Jaro fatala por la homaro, por ĉiuj humanecaj klopodoj, por Esperanto — kaj por vi pleje tragika. Sed ni scias tute fidinde, ke Esperanto ne mortis en Germanujo. Ke multaj tie sopiris la tagon kiam nia stelo denove povos brili. Kaj ne vane! Malgraŭ foresto de poŝtrilatoj ni ekscias, ke en Hamburg Bünneman jam eklevis la stelan standardon kaj en Stuttgart Christaller jam svingas la verdan flagon! Jes, vekiĝu Germanujo, sed al noblaj celoj!

Kaj tiukoncerne ni memoras la vortojn de brita esperantisto, kiu antaŭnelonge esprimis sian konvinkon, ke Esperanto denove ekfloros inter la germanoj, kaj ke estas la devo de ĉiu samideano helpi al ili kiom eble.

Vere, ne mortis la spirito Zamenhofa. PIK.

(El Flandra Esperantisto, Februaro 1946.)

## Diversaj Raportoj

**Internacia Esperanto-Ligo**

Laŭ ricevita raporto la kolektado de subskriboj por la interesado de UNO pri E. montras bonan sukceson kaj nun la jam subskribitaj deklaroj amase enfluas ĉe la IEL-sekretariejo. IEL letere esprimis sian ĝojon kaj dankon, ke ankaŭ la aŭstria esperantistaro fervore subtenas ĉi tiun gravegan aferon kaj esperas, ke la nun komencita kunlaboro inter AEF kaj IEL daŭrados, kvankam AEF deklaris provizore ne alĝii kiel landa organizo.

**Universala Esperanto-Asocio**

Centro: Genève, Palais Wilson, Svislando.

UEA., la plej malnova internacia Esperanto-organizo, komencis en januaro 1946 denove sian agadon.

---

*) devizo (rim. de la red.).

Ĉefdelegito por Aŭstrio: Raimund Cech, Wien VII., Lindeng. 8/11. Li volonte donas informojn pri servoj, organizo kaj favorkotizoj de UEA.

**Landa Kongreso de Bulgara Esperanto-Asocio**

La XXIX-a kongreso de la bulgara esperantistaro okazos en la urbo Assenovgrad de 24.—26. 8. 1946. Esperanto-asocioj de kelkaj najbaraj landoj anoncis sian partoprenon, tiel ke ĉi tiu kongreso fariĝos eble Balkana Esperanto-Kongreso.

**Germanio**

AEF ricevis poŝtkarton kun jena enhavo:

Tre ŝatataj aŭstriaj gesamideanoj!

En la UEA-ĵurnalo „Esperanto" mi legis raporton pri via sukceso restarigi la aŭstrian E-movadon. Ĵus la brita guberniestro al mi permesis en la brita regiono de Germanio propagandi Esperanton celante refondon de Germana Esperanto-Asocio. Kelkaj grupoj de nia regiono jam laboras kaj verŝajne Hamburg fariĝos la esperantista centro. Mi petas vin sendi al mi ekzempleron de via gazeto kaj aliajn eldonaĵojn. Mia laboro por Esperanto kaj membreco al UEA vin konvinkos, ke mi ne estas ano de la Hitler-movado. Mi volonte raportos pri la germana E-movado.

Samideanan saluton

Ernst F r a n k.

Adreso: Mölln (Lauenburg, Schleswig), Landhaus Lotte, Britische Zone, Deutschland.

(Rimarkigo de la redakcio: ĉiuj esp-istoj certe ĝojas pri la nova ekleviĝo de la E-movado en Germanio kaj ni atentigas la legantojn pri la artikoleto en ĉi-numero titolita „Vekiĝo", kiu montras, ke Esperantujo atendas la reenviciĝon de la demokrata elemento inter la germana esp-istaro en la internacian movadon kaj ke ĝi denove disponigos sian talenton kaj laboremon por la komuna tutmonda agado por Esperanto.)

## El nia leterujo

El la multaj, el eksterlando nin atingintaj alskribaĵoj ni prezentas al vi fragmenton el letero de holanda s-ano, kiu kunvivis inter ni la plej terurajn tagojn de la Hitlera epoko. Li skribas:

„En nia nederlanda informilo mi trovis vian adreson. Mi ĝojas pri tio, ĉar mi havas tre bonajn memorojn pri Vieno. Estante labordevigita en Aŭstrio mi akiris multajn bonajn gekonatojn, speciale en la X-a distrikto, kie estis mia laborejo. Teruraj estis la bombardadoj; mi vidis la brulantan operejon. Kiom mi estis ravita per la kulturaj, malnovaj konstruaĵoj! Nun ili estas vakantaj ruinoj, plendantaj pri la barbara perfortado de la pacema Aŭstria popolo.

**Mi estimas la ekzemplan sintenon de la Vienanoj. Ili tre bone traktis nin Nederlandanojn!**

Estante en Vieno, mi havis sufiĉe por manĝi; sed nun mi legis, ke oni terure malaltigis la porciojn de la ĉiutaga nutraĵo.

Volonte mi dezirus aŭdi ion pri la nuna Vieno. Eble vi povus instigi s-anojn, kiuj loĝas en la X-a distrikto, ke ili skribu al mi detale pri siaj nunaj cirkonstancoj.

Anticipe koran dankon, samideane

C. J. Timmermann,
Hertzogstraat 40, Den Helder, Holando."

## Mitteilungen des Redaktionskomitees

Alle Berichte, Artikel und Zuschriften, welche in der „Austria Esperanto-Revuo" veröffentlicht werden sollen, müssen einen Linienzwischenraum (für Korrekturen) und linksseitig einen ca. 5 cm breiten unbeschriebenen Rand haben. Wenn möglich Maschinschrift, sonst aber absolut deutliche Handschrift, da die Setzer ja nicht Esperanto verstehen und daher jeder Buchstabe deutlich leserlich geschrieben sein muß, um Irrtümer und Druckfehler zu vermeiden. Auf allen zur Veröffentlichung bestimmten Schriftstücken dürfen keine anderen Verbandsmitteilungen gemacht werden. Die Blätter dürfen nur einseitig beschrieben werden. Ob der Inhalt der Zuschriften zur Veröffentlichung geeignet ist, entscheidet das Redaktionskomitee, welches für den Inhalt der Revuo die Verantwortung trägt. Manuskripte werden nicht zurückgesendet und können bei Annahme derzeit auch nicht honoriert werden.

Es ist bei den derzeitigen Verhältnissen und unregelmäßigen Postzustellungen unmöglich, einen bestimmten Redaktionsschluß für Einsendungen festzusetzen. Auch kann die Druckerei wegen Überlastung vorläufig keinen fixen Erscheinungstermin garantieren. Wir bitten daher, Verzögerungen in der Herausgabe aus diesen Gründen zu entschuldigen. Mit der langsamen Besserung der allgemeinen Verhältnisse wird es aber in absehbarer Zeit hoffentlich möglich werden, den Erscheinungstermin der Revuo am 15. eines jeden Monats genau einzuhalten. Wir bitten die Gruppen und Mitglieder, uns ihre Meinung über die Revuo bekanntzugeben und auch vor einer Kritik nicht zurückzuscheuen.

Unsere Bemühungen zielen darauf ab, unsere Revuo zu einer wirklich repräsentativen, allen an eine moderne Zeitschrift zu stellenden Ansprüchen genügenden Druckschrift zu gestalten. Die Schwierigkeiten, die uns bei diesem Bestreben entgegenstehen, liegen in erster Linie auf drucktechnischem Gebiet. Es ist uns bisher nicht gelungen, der Zeitung ein der Wichtigkeit der einzelnen Beiträge entsprechendes Gepräge zu geben, da leider noch keine verschiedenen Schrifttypen und Schriftgrößen zur Verfügung stehen. Die Druckerei ist jedoch bemüht, die erforderlichen Esperantolettern zu beschaffen. Inzwischen wollen wir also mit dem, was die derzeitigen Verhältnisse hervorzubringen gestatten, zufrieden sein und die hier und da festzustellenden Mängel in Kauf nehmen, sie als ein Charakteristikum für die Übergangszeit zu normalen Verhältnissen ansehen, in der begründeten Hoffnung, daß uns die fortschreitende Entwicklung, wie auf allen anderen Gebieten, auch hier zum Ziele führt.

# Korespondpetoj

Unufoja korespond-anonceto dulinia por AEF-anoj senpage. Plua anonceto kaj por aliaj personoj kostas ŝil. 2.— aŭ 2 svis. fr. Ni petas, skribu la adresojn klare.

Mallongigoj: L = letero; PK = poŝtkarto; PM = Poŝtmarko.

**Aŭstrio.** S-ro Hugo Kraus, membro de Aŭstria Esperanto-Instituto, Vieno XVIII., Salierigasse 25, I/4a, dez. kor. kun lingvospertuloj pri E., politiko kaj kulturo.
S-ro Raimund Cech, Vieno VII., Lindengasse 8/11, ŝanĝas PKI, PM, kun ĉ. l.
S-ro Johann Kirschner, Vieno V., Krongasse 16/6, ŝanĝas il. PK.
S-ro K. F. Ahlgrimm, Vieno VIII., Lammgasse 10, interesas sin pri eksterlandaj ludkartoj por kolektado. Li rekompencas per sia ekslibriso.
S-ro Johann Mickstätter, Linz-Urfahr, Oberösterreich, Hagenstraße 15/I, L pri ĉiuj temoj, interŝanĝas il. gazetojn kaj bildkartojn ktp.
S-ro Johann Javernik, kompostisto, Voitsberg, Hauptplatz 50 (Postfach 2), dez. interŝ. PM kaj bildkartojn k. ĉ. l.

**Bulgario.** S-ro Canko Ivanov Haĝiev, v. Gorsko-Slivovo, Pavikensko, 20 j. stud. kor kun aŭstra s-ano pri ekonomio, kulturo.

**Ĉeĥoslovakio.** S-ro H. F. Glosik, Morava Ostrava, IX. Stefanikova, kor. kun kvar esp-istoj el Aŭstrio.

**Francio.** S-ro Marc Vermynk, advokato, Clermont-Ferrand, 2 Rue Godesfroy de Buillon, kor. kun samfakulo el Aŭstrio.

**Germanio.** S-ro Ernst Frank, Mölln (Lauenburg, Schleswig), Britische Zone, Landhaus Lotte, intereŝ. PM.
S-ro Artur Baumgart, (10) Bautzen, Goethestr. 12, bei Fischer, Russische Zone, dez. kor. kun aŭstra s-ano pri aktualaj temoj.

**Jugoslavio.** S-ro Slobodan Velicki, Vele Nigrincne 12, Beograd, 21 j., kor. kun samaĝulo el Vieno.

**Nederlando.** S-ro J. Smit-Groneveld, Rykstraatweg 334, Harlemo (N), 26 j., kor. pri ĉiuj temoj kun aŭstra s-an(in)o.
S-ro C. Janknecht, Vossenstraat 7, Brunssum, 30 j., kor. kun s-ano el Aŭstrio kaj ŝanĝas PM.

**Polio.** S-ro Danowsky, Str. Chmielma 28 m 10, Varsovio, tajloro, L kun samprofesiulo kaj ŝanĝas modoĵurnalojn.

**Portugalio.** S-ro Gastov de Mouro Florenas, 32 j. edz. bankoficisto, dez. kor. kun aŭstra s-anino. Adreso: R. de Cabo Verde, 17—40 Dt. Lisboa.

---

Eigentümer und Herausgeber: Österreichischer Esperantisten-Verband. Verlag: Tramondo. Verantwortlicher Redakteur: Alfred Berdan, sämtlich Wien I., Neutorgasse 9. Druck: Holzwarth & Berger, Wien I., Börseplatz 6